ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • MARTO—APRILO 1950 • NUMERO 3—4

# Varbokanto

Nia lando verdstelana
militon ne konas,
nek soldatojn, nek armilojn
tial ĝi bezonas.

Tamen por la pacbatalo
estas ja necesa
ĉiutempe, ĉiuloke
soldatar' fortfreŝa.

Vin aŭdigu, varba voko,
en la tuta mondo
kaj rapide pligrandiĝu
la soldata rondo!

Sonu, sonu, varb trumpeto:
Trara, ra... Ho, venu!
Esperanton disvastigi
ĉiuforte penu!

Št. R. Seemann.

*Ján Vado:*

# Ĉu de Beaufront aŭ Couturat?

Ĝis 1937 la publika opinio koncerne la aŭtorecon de la tielnomita „reform Esperanto", alivorte „Ido" estis, ke ĝi estas projekto de markizo *Louis de Beaufront,* profesoro, teologia doktoro, verkinto de multaj Esperanto-lernolibroj, ekzercaroj, vortaroj, eldoninto de „L'Esperantiste", fondinto de „Société pour la propagation de l'Esperanto", la unua Franco, kiu jam en 1888 aliĝis al Esperanto kaj kiu en la dua periodo de Esperanto (kiun Kazimierz Bein — Kabe — nomis franca) altiris multe da eminentaj kaj influaj personoj kaj diversaj asocioj al Esperanto. Pro ĉio ĉi iu nomis lin dua patro de Esperanto.[1]

Aliflanke oni trovas asertojn, ke „Ido" estas kolektiva verko de la t. n. „Delegitaro por la akcepto de lingvo internacia", kies iniciatinto kaj aranĝinto estis *D-ro Louis Couturat,* profesoro de filozofio, aŭtoro

[1] Enciklopedio de Esperanto I. vol., pĝ. 106.

de fama „Histoire de la Langue Universelle“. La Delegitaro, al kiu estis prezentita anonime la projekto „Ido“, poste ŝanĝiĝis je „Konstanta Komitato“, el kies kvin membroj tri estis ne-esperantistoj (la sesa, poste alelektita laŭ sekretaj intencoj de Couturat „pro speciala kompetenteco“ estis Louis de Beaufront). La Komitato akceptis „principe Esperanton (pro ĝia relativa perfekteco kaj pro multaj diversaj aplikoj jam ricevitaj) sub la kondiĉo de kelkaj modifoj farotaj laŭ la raporto de la sekretarioj (L. Leau kaj L. Couturat) kaj laŭ la projekto Ido.“ Pri tiu ĉi kondiĉo oni balotigis la Esperantistan Lingvan Komitaton, kiu per 53 voĉoj el 61 malakceptis la kondiĉon de la Konstanta Komitato. La sekvo estis — skismo inter la esperantistoj, kiun bedaŭras ĉiu sincera mondlingvano, ĉar ĝi malfortigis ne tiom la tendaron de esperantistoj (3—5%), kiel la konfidon de la mondo al la internacia lingvo ĝenerale.

Post tiu ĉi okazintaĵo disfamiĝis, ke la aŭtoro de Ido estas de Beaufront. Tiun ĉi klaĉon de Beaufront forpuŝis publike kun malŝato. En „L'Esperantiste“ (novembra n-ro de 1907) li alvokas la esperantistojn, ke ili energie plu propagandu; en la sekvanta numero li denove instigas la esperantistojn al plua propagando kaj ankoraŭ en januara n-ro (1908) li energie kaj kun indigno protestas, ke oni lin opiniu aŭtoro de Ido: „Mi plene konsentas, kaj ĝoje, kun nia kara Majstro; ni iru trankvile nian vojon; ne perdu tempon en disputoj vanaj.“

Sed ĉar la kalumnioj kontraŭ li ne ĉesis, en la junia numero de „L'Esperantiste“ li sin deklaras aŭtoro de Ido: „Ido, ĝi estas mi. Kiel vi vidas, mi forĵetas anonimecon.“

Laŭ la decembra n-ro de „Nia Gazeto“ 1937, ni lasu rakonti pri la afero s-ron Camille Aymonier, kiu eble plej unue klare vidis la tutan aferon:

„Dum la kunsidoj de la Komitato — skribas s-ro Aymonier — iu projekto estis prezentita sub la nomo ‚Ido‘. Neniu konis la aŭtoron, eĉ ne s-ro Couturat, kvankam la tuta derivado estis nur laŭlitera eltiraĵo el lia verko. Kial s-ro Couturat ne deklaris tuj, ekde la unua momento, ke li estas la aŭtoro de Ido? Li certe faris eraron de taktiko por nenion pli diri. Sed oni komprenu lian embarason. Antaŭ ĉio, laŭ iu artikolo de regularo, neniu aŭtoro de projekto povis partopreni en la Komitato. Se s-ro Couturat konfesus, ke li estas la patro de Ido, ĉiuj ekkrius, ke li laboris por si mem, por sia ido, por sia sistemo; ke la tuta Delegacio estas pura komedio. Tre eble s-ro Couturat trograndigis la influon de s-ro

Beaufront; tre eble, ĝis la lasta momento li esperis, ke D-ro Zamenhof akceptos solvon, reformojn, kiujn li jam parte skizis en 1904 . . .“

Pri la konfeso al aŭtoreco de Ido fare de Beaufront li skribas: „S-ro Beaufront estis mensoganta. La vera aŭtoro de Ido estas s-ro Couturat. Tion definitive pruvas s-ro Rich. Berger en „Cosmoglotta“ (aŭgusto 1937) oficiala organo de Occidental, lingvo de s-ro de Wahl.“

Antaŭ ol prezenti s-ron Berger estu permesite al mi citi s-ron Gaston Waringhien el la I. volumo de „Enciklopedio de Esperanto“, pĝ. 150:

„. . . post multaj provoj, korespondadoj, diskutoj kun aliaj reformemuloj, li (komprenu: Couturat), kun helpo de Beaufront, starigis projekton, kiun ili nomis Ido kaj prezentis al la Komitato de la Delegitaro, sidanta en Paris de la 15-a al la 24-a de oktobro 1907.“ . . . Komentario ne estas bezona.

Kiel fariĝis s-ro R. Berger ĉefatestanto en la konflikto koncerne la aŭtorecon de Ido?

D-ro Louis Couturat mortis la 3an de aŭgusto 1914 dum aŭtomobila akcidento. En somero 1920 s-ro R. Berger vizitis la vidvinon de s-ro Couturat en Parizo por havigi de ŝi parton de la korespondaĵo de s-ro Couturat (tiun de 1907—1913), kiun li bezonis por skribi la historion de Ido. S-ino Couturat akceptis lin afable kaj permesis preni al li la necesajn dokumentojn. Ĉi-maniere li sukcesis kolekti multe da interesaj leteroj, nur la korespondaĵo kun s-ro de Beaufront mankis. Demandite, sinjorino Couturat klarigis la aferon, ke antaŭ tri semajnoj vizitis ŝin s-ro de Beaufront, kiu sciiĝis pri la intenco de s-ro Berger, kaj forportis la leterojn, precipe la siajn. S-ro de Beaufront tamen forgesis traesplori kelkajn leter-pakojn, en kiuj restis sufiĉe da kompromitaj dokumentoj.

Tiutempe estis s-ro Berger konata ankoraŭ kiel fervora idisto. Li havis bonegajn interrilatojn eĉ kun s-ro de Beaufront, ĝuste pro tio lin mirigis „tiu antaŭforiga agmaniero“ de la markizo.

Du jarojn post la morto de s-ro de Beaufront s-ro Berger en „Cosmoglotta“ paŝis antaŭ la publikon por deŝiri la vualon de Ido-aŭtoreco.

Oni ne havas kaŭzon dubi pri la kredindeco de s-roj Aymonier, Waringhien kaj Berger — kaj ili ĉiuj kiel aŭtoron de Ido rekonas — Louis Couturat!

Louis de Beaufront mortis en printempo de 1935 kiel okdekjarulo. En la tiujara maja numero de Nia Gazeto, rubriko Flugfolioj, troviĝas io nekrologsimila, forte bridita de latina „de mortuis nil nisi bene“ — pri la mortintoj nenion se ne bonan.

Ankaŭ sur la kolonoj de Literatura Mondo (jaro 1935, pĝ. 116) aperis nekrologo pri Louis de Beaufront, sed skribita per plumo trempita en amaregon . . .

Ĉu de Beaufront meritis tian kondamnon, kia pezis sur lia koro dum preskaŭ tridek jaroj? Post la malkovroj en jaro 1937 lia kondamno ŝajnas tre kruela kaj nesufiĉe motivita.

## Kio okazas en ĈSR

### NI LABORAS POR NI MEM.

Dum la tempo antaŭ la ŝtatigo kaj naciigo de la ĉeĥoslovaka industrio la sinteno de la laboristoj al la laboro de ili farata estis plejparte indiferenta, aŭ ili konsideris sian laboron necesa malbono, kiun oni devas toleri por povi perlabori sian vivtenadon. La laboristoj vidis la grandan diferencon inter la gajno, kiun ilia laboro donis al ili mem kaj inter tiu, kiu fluis en la poŝojn de la fabrikposedantoj.

Hodiaŭ la cirkonstancoj estas aliaj. La industrio, komerco, distribuado ktp. estas naciigitaj kaj ŝtatigitaj, kaj la gajno, rezultanta el ilia funkciado, apartenas al la ŝtato kaj popolo. Fakte, hodiaŭ nia laboristaro laboras por si mem, kaj la gajnoj de la ŝtatigitaj kaj naciigitaj entreprenoj produktas la ĉefan parton de la kapitalo, ebliganta la konstruadon de nia lando kaj la plibonigadon kaj plibeligadon de nia vivo.

La laboristoj iam ne multe pensis pri la laborprocedoj en sia laboro; ili laboris ja por alia homo kaj laŭ metodoj de li ordonitaj, plej ofte por eksterlanda kapitalisto eĉ nescianta precize, kie tra Eŭropo estas dissemitaj liaj fabrikoj, minejoj ktp. Hodiaŭ ni laboras por ni mem, do ĉio koncernas nin, ĉar ju pli multe ni produktas, des pli multe ricevas ni mem. Necesas plialtigi la produktivecon de nia laboro por produkti *pli multe da pli bonaj varoj, pli rapide kaj je pli malaltaj kostoj.* Pri la efektivigo de tiu ĉi devizo meritiĝis nombraj laborŝturmuloj diversloke, laborbrigadoj, plibonigantoj kaj eltrovantoj.

La plialtigado de la laborproduktiveco estas atingata per nombraj volontulaj laborbrigadoj, kiuj estas destinitaj antaŭ ĉio al laŭkvanta kreskigo de la produktado. Pri la kvalita plivalorigo de niaj produktoj zorgas plibonigantoj kaj eltrovantoj.

Plibonigantoj estas pensantaj faklaboristoj. Ili observas kaj studas

sian laboron, serĉas kaj malkovras la mankojn de siaj laborejoj, maŝinoj kaj laborprocedoj, kaj proponas plibonigon de la malnovaj aŭ enkondukon de tute novaj metodoj. Tiuj ĉi plibonigoj rilatas ĉefe ŝparon de materialo, homa laborforto, meĥanika energio, tempo, adaptigon de maŝinoj kaj plilongigon de ilia uzebleco. Preskaŭ ĉiuloke, eĉ en oficoj oni trovas novajn kaj novajn eblecojn plibonigi ion kaj nur nun oni vidas plej bone, kio estis neglektata dum la pasinteco.

La eltrovantoj specialiĝas ĉefe pri solvado de malfacilaj laborproblemoj. Al ili ni dankas la eltrovon de nombraj utilegaj laborprocedoj, la eltrovon de novaj materialoj, iloj kaj maŝinoj, kiuj estis ĝis nun importataj el eksterlando kaj nun ne riceveblaj, sed sen kiuj nia industrio ne povas ekzisti. Kaj la eltrovoj de niaj eltrovistoj ofte eĉ superas la ĝisnunan eksterlandan konkurencon.

Hodiaŭ en preskaŭ ĉiu entrepreno estas plibonigantoj, laborŝturmuloj kaj eltrovantoj. Ili kreas „Rondetojn de plibonigantoj kaj eltrovantoj", kies centro eldonas eĉ revuon por iliaj bezonoj kaj por diskonigo de taŭgaj plibonigoj kaj eltrovoj. Tiel okazas, ke — malsame kompare kun la pasinteco — la plibonigo aŭ eltrovo, farita en unu entrepreno, ne restas ĵaluze gardata sekreto, ke la konkurenco ne eksciu pri ĝi, sed ĝi estas disponigata al ĉiuj entreprenoj, kiuj povas ĝin uzi. Por ĉiu akceptita, efektivan plibonigon signifanta ideo ricevas la aŭtoro premion en formo de mono, eksterordinara rekrea forpermeso, asignilo por diversaj varoj, ĝis nun porciumataj, kaj simile, laŭ sia propra elekto. Ke niaj laboristoj meritas tiujn ĉi premiojn, pri tio atestas la fakto, ke la suma valoro de ŝparoj, atingitaj per volontulaj laborbrigadoj, plibonigaj proponoj kaj eltrovoj, atingas jam plurajn miliardojn da ĉeĥoslovakaj kronoj. Ili ebligas produkti pli multe da pli bonaj varoj je malpli altaj kostoj — kaj tio signifas pli grandan eksporton, pli multe da importitaj krudmaterialoj, pli multajn laboreblecojn, pli altajn salajrojn, elspezeblajn por pli multe da varoj — simple: pli altan vivnivelon.

Superado de labornormoj, plibonigaj proponoj, eltrovoj — jen la ĉefaj trajtoj de nova, socialista sinteno de ĉeĥoslovaka laboristaro je sia laboro kaj nerefutebla pruvo de ilia volo konstrui la estontecon de nia lando laŭ socialistaj, do pli ĝustaj kaj pli ĝojigaj principoj. *—ee—*

---

ESTAS JAM APRILO — ĈU VI JAM PAGIS LA ABONON?

---

*Karlo Píč:*

# *Dezerta strato*

*Tiu mallarĝa, kurba strato*
*aspektas vere tre dezerte:*
*grizegoj premas ĝin inerte*
*kaj nur malofte ĉara rado*

*sur ĝiaj kalvaj ŝtonoj saltas.*
*Fenestroj tie brilas blinde;*
*kaj homoj, tien alveninte,*
*ne restas tie kaj ne haltas.*

*Tamen kelkiam (ĉu vi miras?)*
*ĉarma knabino tien venas*
*(kaj kvazaŭ lumo post ŝi iras).*

*Tiam la strato sur sin prenas*
*gajan aspekton; kaj ĝi spiras*
*pli freŝe, dum ŝi trapromenas.*

(El „*Verda voĉo de Doksy*“, III, 1.)

*I. Schoon*, Nederlando:

# Testudo kiel leterportisto

Iun tagon la lerneja instruisto sidigis la amikojn Gerto ka Johano tre malproksime unu de la alia, ĉar ili kune babilis. Gerto nun sidis en la malantaŭa benko, Johano en la plej antaŭa.

Jam semajnon la afero estis tia... kaj hodiaŭ Johano kunprenis testudon al la lernejo. Li metis ĝin en la benkŝranketon, ĝis kiam ĉiuj trankvile skribadis sian geografian taskon. Tiam Johano skribis letereton al Gerto, per kiu li informiĝis pri la nomo de ĉefurbo de iu el la dekunu nederlandaj provincoj, kiun li spite de cerbumado ne povis ekmemori.

Per elastaĵo li fiksis la letereton surdorse de la testudo kaj starigis ĝin ruzkaŝe kapdirekte al Gerto. Tiaj bestoj ja ĉiam senpripense marŝas antaŭen kaj antaŭ ol la lernotempo estos pasinta, li estos informita!...

— Kion vi faris, Johano? — demandis la instruisto.

— Mia poŝtuko falis, sinjoro! — mensogis Johano kaj ĝistable klinis sian ruĝiĝintan kapon.

Tiu severa instruisto! Ne kredu, ke ordinare farante oni iel sukcesus ion antaŭdiri! Li efikplene mastris la knabojn. Oni ja apenaŭ kuraĝis levi la kapon de super la laboro, dum kiam li ire kaj revene promenadis antaŭ la klasanaro. Se okazus, oni aŭdus fali eĉ kudrilon, sed lin tute ne! Cetere ankaŭ la testudon oni ne povis aŭdi....

Kia invento!... Nek levante, nek turnante la kapon, Johano skribadis kvaronhoron seninterrompe. Li studadis tiel diligente, ke li estus forgesinta eĉ la testudon, se li ne estus aŭdinta apenaŭ aŭdeblan gratadon tiuloke, kie ĝi vane klopodis transiri lian benkon. Feliĉe la instruisto ne staris antaŭ la klaso. Sur siaj nebruantaj ŝuoj li estis gapanta al la alia flanko. Johano eksentis sian koron bategi kaj ruĝiĝis kvazaŭ bolita kankro. Ho, se la instruisto estus irinta tra inter la benkvico! Kia stultulo li, Johano, estis, ke li jam antaŭe ne konsideris ĉi tiun eblecon!

Fulmrapide li ĉirkaŭrigardis: montriĝis nenia danĝero... La instruisto staris maldekstraflanke malantaŭe en la ĉambro, profunde enpensiĝinte. Gerto malgajaspekte rigardis... ĉu ankaŭ li ne scias la nomon de la ĉefurbo? Nerimarkite Johano prenis la testudon kaj tiris de sub la elastaĵo la papereton... metis ĝin en sian brakumon kaj legis...

Kio estas tio? Lia koro pro ektimego tamburruladis!... Komence li nenion komprenis... ĝis kiam li fine ekkomprenis:

„Metu vian laboraĵon sur mian tablon, Johano! Je la fino de la lerneja tempo estos al vi permesate agrable postresti kun mi. Via instruisto.“ ...

Neniu io en la ĉambro ion rimarkis. Morta silento en ĝi regis. La instruisto iris antaŭen kaj preterirante la benkon de Johano prenis la testudon kaj kaŝis ĝin en la paperkorbo...

---

*P. Gauroy:*

# La invadanta vivo kaj ĝiaj limoj

Post la rimarkindaj laboroj de *A. Carell* oni nun scias, ke la animalaj aŭ homaj ĉeloj estas kapablaj vivi kaj eĉ reproduktiĝi ekster la organismo. Estante certigitaj sufiĉa alportaĵo nutria kaj elimino de toksinoj, devenantaj de la ĉela laboro, nenio malhelpas nelimigitan postvivon de la ĉelaj grupoj. Teorie do ĉiu celo ĝuas la privilegion de la senmorteco. Tamen ekster la laboratorioj neniam realiĝos tiaj kondiĉoj same por la superaj organismoj (ekz. la homa, kies komplekseco estas nerekte mortfaktoro) kiel por la organismoj unuĉelaj (protozooj, ameboj).

Plenuminte la eksperimentajn kondiĉojn, A. Carrel dum 20 jaroj tenis vivanta kulturon de kokida embrio, kies vivon interrompis nur laboratoria malatentaĵo. Dum samlonga daŭro tiun nelimigitan produkpovon evidentigis *Metalnikov*, kiu obtenis 8704 generaciojn ekde la unuĉela estaĵo.

Feliĉe, en la praktiko intervenas la vivkonkurenco kaj la limigo de nutrado. Sen ili, en kvar monatoj, mikroskopa infuzoro, kiu konservus ĉiujn siajn idojn, povus ja fari el sia protoplasmo — frukto de ĝia asimilado en medio pleje favora — volumenom egala je tiu de la terglobo! Post jarcento, ununura homa ĉelo, okule nevidebla, povus kovri — multobliĝante — la tutan videblan universon, inkluzive la sunon kun planedoj.

Ĉu ni miru pro tia reproduktpovo, se ekz. oni konsideras brasikofison, kies pezo ne estas pli ol miligramo? La nombro de ĝiaj idoj, se eblus ilia vivteno, atingus en unu sezono neverŝajnan pezon de 822 miliardoj da tunoj, do kvinoblan pezon de la homaro. La danĝera fantomo, kiun iam povus reprezenti la insektoj, ne estas do mito! En idealaj kondiĉoj, por kovri la tersurfacon, malpli od 2 tagoj estus necesa al idoj de unu bakterio, infuzoro bezonus 42 tagojn, muŝo 1 jaron, rato 8 jarojn, trifolio 11 jarojn, sed elefanto pli ol jarcenton.

Nuntempe, en la praktiko, oni konservas sangon kaj korneajn diafanajn fragmentojn, deprenitajn de kadavroj, administrative kaj klinike tiel konsiderinde, sed biologie vivantajn plurajn horojn post la lastaj spiro kaj korkontrakto. Ĉu la scienco iam substituos, sur vivantoj, organojn detruitajn aŭ mankajn per organoj tiel deprenitaj? Oni povas esperi, ĉar science tio pruviĝis ebla.

Esperantigis *M. Cézar*, Francio.

# Bulgara modelo por ni

Multaj niaj gesamideanoj certe jam konas la bonegan monatan revuon „Internacia Kulturo“, aperantan en Bulgario. Jam ĝi mem sufiĉus por pruvi viglecon kaj diligentecon de bulgaraj samideanoj, kiuj posedas eĉ esperantistan kooperativon kun propra presejo kaj eldonejo. Sed krom la menciita gazeto niaj frataj bulgaraj gesamideanoj estas ankaŭ modelaj propagandistoj de bulgara literaturo per Esperantaj tradukoj.

Ĉi-jare ni kun la tuta bulgara popolo festos 100-jaran naskiĝdatrevenon de granda bulgara verkisto Ivan Vazov, (naskiĝis la 27-an de junio 1850). Bulgaraj samideanoj jam pasintan jaron preparis sin por la jubileo per eldono de Esperanta traduko de lia novelo „Vagabondoj“. La libro, eldonita de „Bulgara Esperantista Kooperativo“, enhavas krom la menciita granda novelo ankaŭ kvar pli mallongajn rakontojn en modela Esperanta traduko de s-ano Ivan Kovačev (La novelo „Vagabondoj“ aperis jam ankaŭ en slovaka traduko kun la titolo „Nemilí-nedrahí“ en la eldonejo „Práca“).

Unu jaron pli frue aperis en Esperanto kolekto de dek noveloj de bulgara verkisto Elin Pelin sub titolo „Elektitaj rakontoj“, en traduko de s-ano Simeon Hesapčiev. Por montri nur etan pruvon de efikeco de tiuspeca peresperanta propagando de nacia literaturo ni menciu, ke nur pere de Esperanta traduko povis konatiĝi kun la verko de bulgara verkisto eĉ japanaj legantoj. La 22-an de januaro 1950 japana s-ano Kurisu en Osaka publikigis en la japana semajna gazeto „Akahata Weekly“ artikolon pri du noveloj de Elin Pelin laŭ „Elektikaj rakontoj“.

Ankaŭ por ni Slovakoj povas servi Esperanto tre efike en konatigo de fremdlandaj samideanoj kun nia slovaka literaturo. Necesas nur, ke ĉiu slovaka samideano kunlaboru kaj almenaŭ en nia gazeto „Esperantisto Slovaka“ helpu aperigi tradukojn de bonaj slovakaj noveloj.

I. Z.

---

600 NOVAJN ABONANTOJN

bezonas Esperantisto Slovaka. Helpu al ni varbi ilin.

Karaj legantoj, sciigu al ni adresojn, je kiuj ni povos sendi provnumeron; ni sendos ĝin kun plezuro kaj senpage.

*Imrich Zalupský:*

# Grava peresperanta laboro

Dum la jaro 1949 aperis en Japanio du libroj, kompilitaj de s-ano *T. Kurisu.* La unua, sub titolo „La sama suno lumigas la mondon", enhavas kolekton de 58 antaŭ- kaj postmilitaj Esperantaj leteroj (en japana traduko) de 21 eksterlandaj samideanoj el 12 landoj. La libron s-ano Kurisu dediĉis al sia amiko Honoré Bourguignon, pereinta en la koncentrejo de Dachau kiel viktimo de naziismo.

La dua libro de japanlingven tradukitaj leteroj aperis sub titolo „Voĉo de l'mondo". Ĝi enhavas 44 leterojn de 35 eksterlandaj samideanoj el 18 landoj. La antaŭparolon skribis eminenta japana progresema verkisto, poeto, ĉefredaktoro kaj politikisto Sigeharu Nakano. La libron eldonis librejo San-iti en Kioto, la unuan la librejo Kitaozi en Kioto.

La plejparto de la leteroj en ambaŭ libroj aperis jam antaŭe en japana traduko de s-ano Kurisu en diversaj progresemaj japanaj ĵurnaloj kaj gazetoj. Ne estas troigo diri, ke la japana popolo povas legi Esperantajn leterojn de tutmondaj esperantistoj pri iliaj landoj kaj iliajn opiniojn pri Japanio, dank' al samideano Kurisu. Same ne estas troigo diri, ke s-ano Kurisu estas unu el la plej aktivaj kaj modelaj esperantistoj ne nur en sia lando, sed eĉ tutmonde. Estus tre malfacile nei, ke en la nuna situacio estas neebla pli bona propagando de Esperanto en Japanio ol praktikas li. Lia honorigo per „Ossaka premio" por la jaro 1949 estas plene meritita, kvankam ĝi nur tre nesufiĉe esprimas liajn meritojn (ĝi servas por honorigi la plej meritoplenan esperantiston dum koncerna jaro en Japanio). Ne nur japana, sed vere tutmonda esperantistaro, precipe TEĴA devas esti fiera, ke ĝi havas membron de tia kvalito. Tamen nia celo ne estas glorigi unuopulojn, sed amasigi ilin, do por ĉiu esperantisto estu s-ano Kurisu sekvinda kaj imitinda modelo, precipe por TEĴA-anoj.

---



Foiro en la malnova ormineja urbo Kremnica.

Pruntedonis „Krásy Slovenska"

*I. Schoon, Nederlando:*

# Tour de France

(Konkursa biciklado tra Francujo.)

## II.

Estis senesperiga evento tiu unua „Tour" kaj la skeptikuloj kompreneble ridis. Sed Desgrange havis vere pionirsangon, li ne facile cedis! Li decidis fari ĉion alie en 1905: dek unu veturoj (entute 3000 km); oni devos „surgrimpi" la monton Ballon d'Alsace; en la unua kaj dua etapoj helpos antaŭveturistoj; okaze de malbonŝanco oni ne nur rajtas preni alian biciklon, estis eĉ permesite pruntedoni sian biciklon al grupano havanta pli bonan pozicion.

La dua „Tour" povus esti nomata „La Tour de malplenaj aertuboj" (la kialon vi tuj ekscios). Kontraŭ ĉiu antaŭjuĝo Desgrande obstine persistis en siaj planoj. La komenco (la unua kaj la dua) ĉiurilate estis tia, ke ĝi povus senkuraĝigi, sed Henri havis fortan persistkapablon. Ĉio do estis preta por la dua, la „Tour de 1905".

La 9-an de julio 1905 denove startis 60 rapidveturistoj, ĉifoje el „Noisy le Grand". Inter ili troviĝis kelkaj, por tiu tempo bonegaj rapidbiciklistoj, tamen post la unua etapo la entrepreno preskaŭ fiaskis.

Ia sinjoro Cavalade el „Toulouse" prezentis al ĉiu startonto sian inventaĵon „najlobalailo":

— Havante mian aparaton estas absolute neeble, ke oni malbonŝancu pro malpleniĝintaj tuboj!

Ĉu tiuj aparatoj estis uzitaj aŭ ne, estas nekonate, sed tuj post la startpafo la biciklistoj unu post la alia ekstaris flanke de la vojo, pro tubo-malbonŝanco. *De la startejo ĝis Chateau Th'éry kaj plie inter Chalons kaj Saint Dizier la tuta vojo estis plensemita per negrandaj kapnajletoj!* Senescepte ĉiuj biciklistoj kaj antaŭveturistoj fariĝis viktimoj. La famuloj tuj ricevis alian veturilon de siaj gvidantoj. (En la biciklado tra Francio jam tiam ekzistis „sinjoroj kaj servistoj" inter la biciklistoj kaj kompreneble ne estis la sinjoroj, kiuj devis ripari la tubojn). Baldaŭ multaj devis fini la veturadon pro manko de novaj tuboj.

La du vandaloj disĵetintaj ne malpli ol 125 kg da kapnajletoj, rikoltis sukceson. La fama rapidbiciklisto Aucóuturier ekhavis malplenan tubon ĝuste en la momento, kiam li ne plu havis antaŭveturiston. Kompreneble aliaj profitis kaj plenrapide malaperis. En tiu unua etapo trans-

pasis la finpunkton nur 15 biciklistoj... Desgrange ĉie sur la veturvojo devis serĉkapti la aliajn, por ke estu sufiĉe da biciklistoj por okazigi la duan etapon. Dek unu horojn post la gajninto ankoraŭ biciklistoj transpasis la finpunkton!

En la dua etapo troviĝis la monto Ballon d'Alsace, pri kiu estis dirite, ke ĝi estas nesurveturebla. Tamen gaje biciklante oni atingis ĝian supron kun rapideco sufiĉe impona: 20 km pohore! En tiu grimplaboro René Rottier montriĝis la plej forta.

Denove sur la veturvojo amasiĝis kapnajletoj... Aucóuturier post Montbellard veturatingis René Pottier-n, kiu ree fariĝis viktimo de la kapnajletoj kaj nun ne pli havis tubon. Aucóuturier — la Terura, kiel la publiko nomis lin — tre sportece donacis al René unu el siaj tuboj. La Terura sukcesis fariĝi la plej antaŭa kaj kiel unua li transpasis la finpukton, tuj sekvate de Pottier kaj Trousselier. Tamen en la ĝenerala klasifiko Pottier ankoraŭ estis la unua, sed en la tria etapo li cedis en Lyon. Li estis falinta tre malfeliĉe kaj en tiu veturo Aucóuturier atingis la finpunkton 24 minutojn antaŭ la dua! Spite la tre malbona veturvoja pavimo li biciklis 342 km ojn per rapideco por tiu tempo grandega, nome 26 km pohore. En la tria etapo la Terura ekhavis stomakdoloron kaj kiel la dekoka atingis la finpunkton. Trousselier montriĝis tiel forta, ke li gajnis la duan „Tour“. (Daŭrigota)

---

## ELDIROJ PRI ESPERANTO.

La reciproka situacio de du malsamlingvanoj iel similas al tiu de bestoj antaŭ homoj.

Samspecaj bestoj en la tuta mondo blekas same; por ke la homoj ne malsuperu la bestojn tiurilate, ili devas praktikadi Esperanton.

La plej bonaj fruktoj kreskas sur arboj kulturitaj; la artefarita lingvo rezultas de simila procedo.

La aŭtoro de Esperanto ĉerpis el la naturo la vivon de sia lingvo kaj racie direktis ĝin al la celo: facila interkompreniĝo tutmonda.

La naciaj lingvoj iel similas al ĉambro, kie kuŝas senorde belaj objektoj; Esperanto, similas al ejo, postkiam ĉio estis tie bonordigita.

Per praktikado de Esperanto oni kvazaŭ malfermas al si la fenestrojn al ĉiuj mondpartoj.

Por ke la homoj interfratiĝu, necesas unue, ke ili povu interkompreniĝi; la plej taŭga interkomprenilo estas Esperanto. *E. Lanti.*

# Pliperfektigu!

HOĜA NASR-EDDIN KAJ ALMOZULO — HODŽA NASR-EDDIN A ŽOBRÁK

Iris foje Hoĝa* Nasr-eddin tra la vendoplaco en Bagdad. Subite li aŭdis kriadon kaj bruon, elirantan el drinkejo. La scivola Nasr-eddin enrigardis (por vidi) kio tie okazas. Kaj li vidas, kiel dika *grasa*, ruĝhaŭta drinkejestro tenas je kolumo iun almozulon, skuas lin kaj postulas de li monon. Sed la almozulo ne volas pagi.

— Kia kriado ĝi estas? — demandis Hoĝa Nasr-eddin.— Pri kio vi *malinterkonsentis?*

— Jen, tiu ĉi *vagulo* — respondis la drinkejestro, — tiu ĉi ĉifonulo eniris (en) mian gastejon, eltiris el sia tornistro pecon da pano kaj tenis ĝin super la bakforno ĝis kiam ĝi ne *ensorbis la bonodoron de la (bakiĝanta) viando* kaj fariĝis duoble bongusta. Poste tiu ĉi almozulo manĝis la panon kaj nun li *rifuzas* (ne volas) pagi.

— Ĉu ĝi estas vero?—demandis Hoĝa Nasr-eddin severmiene (severe) la almozulon. Tiu ĉi (la almozulo) ne povis pro timo eĉ vorton eldiri, li nur malgaje *kap-jesis.*

— Tio estas vere malbona afero, — diris Hoĝa Nasr-eddin, — estas vere malbone *eluzi* senpage fremdan bonon (*profiti el* fremda bono).

Šiel raz Hodža Nasr-eddin v Bagdade po bazári, keď zrazu počul krik a huk, vychádzajúci z krčmy. Zvedavý Nasr-eddin nakukol, čo sa to tam robí. A vidí, ako tučný, *vypasený,* červený krčmár drží za golier akéhosi žobráka, trasie ním a žiada peniaze. Ale žobrák nechce platiť.

— Akýže je to krik? — spýtal sa Hodža Nasr-eddin. — Čo ste sa *nedohodli?*

— Hľa, tento *tulák,* — odpovedal krčmár, — tento trhan vošiel do mojej krčmy, vytiahol z kapsy chlieb a držal ho nad rúrou dotiaľ, kým *nenapáchol vôňou mäsa* a stal sa dvojnásobne chutným. Potom tento žobrák chlieb zjedol a teraz *nechce* zaplatiť.

— Je to pravda? — spýtal sa Hodža Nasr-eddin žobráka prísne, Žobrák od strachu nemohol vyriecť ani slova, len kývol smutne hlavou.

— To je veru zle, — povedal Hodža Nasr-eddin, — to je zle *využívať* bezplatne cudzie dobro.

* Turka vorto signifanta: *instruisto.*

— Ĉu ci aŭdas, ci ĉifonulo? Ĉu ci aŭdas, kion diras tiu ĉi *estiminda* homo? — ekĝojis la drinkejestro.

— Ĉu ci havas *monon?* — turniĝis Hoĝa Nasr-eddin al la almozulo. La almozulo *senparole* eltiris el sia poŝo la lastajn helerojn. La drinkejestro jam *elstreĉis* sian grasan manegon *por preni ilin.*

— Atendu, ho estiminda! — interrompis (haltigis) lin Nasr-eddin. — Unue *alproksimigu* vian orelon.

Longe li skuis (tintigis, sonigis) ĉe la orelo de la drinkejstro la monon, fermitan en pugno. Poste li redonis la monerojn al la almozulo kaj diris al li:

— Foriru en paco, mizera *(kompatinda)* homo!

— Kiel?! — ekkriis la drinkejestro, — li ja ne pagis al mi!

— Li pagis al vi sufiĉe, vi estas *kvitaj,* — respondis Hoĝa Nasr-eddin. — Li flaris, kiel bonodoras via viando, kaj vi aŭdis, kiel tintas lia mono.

— Počuješ, ty trhan? Počuješ, čo vraví tento *ctihodný* človek? — zaradoval sa krčmár.

— Máš *peniaze?* — obrátil sa Hodža Nasr-eddin k žobrákovi. Žobrák *mlčky* vytiahol z vrecka posledné haliere. Krčmár už *naťahoval za nimi* tučnú dlabu.

— Počkaj, ó ctihodný! — zastavil ho Nasr-eddin. — Najprv *priblíž* svoje ucho.

Dlho potriasal peniazmi, sovretými v pästi, krčmárovi pri uchu. Potom vrátil peniaze žobrákovi a povedal:

— Choď v pokoji, *biedny* človeče!

— Ako! — zvolal krčmár, — veď mi nezaplatil!

— Zaplatil ti dosť, ste *vyrovnaní.* — odvetil Hodža Nasr-eddin. — On cítil, ako vonia tvoje mäso, a ty si počul, ako zvonia jeho peniaze . . .

---

EL LERNEJA SAĜECO.

—Kiu estis la unua kristana verkisto?
— Jezuo Kristo.
— Kiel nomiĝas la plej malnova hinda eposo?
— Mahatma Gandhi.
— Kio estas Siberio?
— Siberio estas tundro, kie kreskas nenio, nur palmoj.
— Kio estas mumio?
— Mumio estas remburita faraono.

FRUA SENILUZIIĜO.

Nova esperantisto: — Tute ne plaĉas al mi en nia movado, ke la malnovaj samideanoj estas tiel skribemaj. Mi ricevadas kvar- eĉ sespaĝajn leterojn. Je fino mi ĉiam forgesas la komencon kaj inverse.

Alia nova esperantisto: — Tio estas nenio! Mi antaŭ nelonge ricevis leteron, kiun mi legis dum tri tagoj, tamen mi ne scias, kio en ĝi estis! *Eliz.*

*Godfried Bomans:*

# La reĝo nur en ĉemizo

Reĝo iris iam tra grenkampo. Li ne faris tion pro zorgo pri la bonfarto de la nacio, nek pro la ŝato ekscii, ĉu la greno de liaj regatoj bonkreske prosperas; li faris tion pro nura plezuro. Estis por li ĝojige, ke ĉiuj grentrunketoj atingis nur liajn koksojn kaj ke ili fleksiĝis ĉiam, kiam la venteto tuŝis ilin.

„Kiel potenca ja estas la reĝo," diris li ridetante, „ne nur la homoj, sed ankaŭ la grentrunketoj fleksiĝas antaŭ mi. Ĉiu do scias, kie estas lia pozicio en la societo".

Okazis nun, ke li promenmeze eksentis la aĉbezonon, kiun ni ĉiuj iufoje sentas. La reĝo serĉrigardis ĉirkaŭ si por kaŝejo. Sed kaŝejo estis netrovebla. Tiam lia okulo trafis la grenkampon.

„Nu," li diris, „tien mi eniros. Bedaŭrinde mi devos piedfrakasi kelkajn trunketojn, sed mi ja estas reĝo."

Ĉi-poste li pendigis sian ermenpeltan mantelon sur salikon, demetis la kronon kaj enpaŝis la grenon.

Post kelkaj momentoj preteriris terkulturisto.

„Ho, kia fripono!" kriis la terkulturisto, „kion farante vi sidas tie?"

La reĝo ruĝiĝis pro kolero, sed ankoraŭ ne pretinte li duonside alrigardis la alian terurmiene.

„Ĉu vi ne povas paroli, bubaĉo!" ekkriis la terkulturisto sovaĝkolere, „ĉu ne sufiĉas, ke vi piedfrakasas mian grenon? Ĉu vi devas ankaŭ malpurigi ĝin?"

„Ne tiel oni kutimas alparoli sian regnestron," digne respondis la reĝo.

„Malpurulo vi estas," kriis la terkulturisto, alpaŝante al li tra la greno, „malpurulo en ĉemizo, vaganto sen kalsono! Fi! For!"

Kaj li vokis aliajn terkulturistojn kaj ili kune pelis la reĝon per bastonsvingado tra la grenkampo.

Ĉe la vilaĝa eniro staranta soldato ekkriis: „Jen la reĝo! Riverencu!" kaj li honoris per pafilo.

La terkulturistoj hontis publike kaj atendis kun fleksitaj kapoj sian kondamnon. Sed la reĝo hontis pli. Li kaŝe foriris en sian palacon kaj pripensis, ke sen ermenpelto li estis nur viro en ĉemizo.

El la flama tradukis *F. Winkel*, Rotterdam, Nederlando.

*Štefan Krčméry:*

# *Lulkanto*

*por luldormigi pupon*

*Baju, dormu, ha pupet', sen ĝen',*
*baju, dormu hela ĝis maten'!*
*Fermu l'bluajn okuletojn,*
*lumas lun' en fenestretojn —*
*Baju, dormu, ha pupet', sen ĝen',*
*baju, dormu hela ĝis maten'!*

*Baju, dormu, ha pupet', sen ĝen',*
*baju, dormu hela ĝis maten'!*
*Vin mi lulas, etulino,*
*kiel propra la patrino —*
*Baju, dormu, ha pupet', sen ĝen',*
*baju, dormu hela ĝis maten'!...*

Tradukis *J. V. Dolinský.*



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Printempo venis

*Martin Benka:*

# Slovaka pentroarto

(Enkonduko.)

La slovaka belarto estas ankoraŭ malmulte konata. Kaj se oni ĝin konas en la kultura mondo, oni konas ĝin ne sub sia propra sed sub fremda nomo. Ties kaŭzo estas, ke la slovaka teritorio dum longaj jarcentoj troviĝis sub fremda regado.

Entute la arto en Slovakujo ne havis tiel favorajn kondiĉojn kiel la arto de aliaj landoj kaj popoloj. Favoraj kondiĉoj mankis ankaŭ por la fizika vivo de la slovaka popolo. Libereco ekzistis nek por la nacio nek por ĝia kulturo. La slovaka popolo devis servuti kaj laboradi por aliaj. Ĝi devis penige labori sur kampoj, en arbaroj kaj por ĝi mem restis nur malmulte da tempo por mediti pri sia sorto, des malpli por sindediĉo al arto. Proverba estis la slovaka malriĉeco, mankis riĉuloj kaj sekve mankis ankaŭ mecenatoj por malavare favori, subteni la arton.

Tamen la slovaka arto ne dormis tute. Malgraŭ la malfacilaj kondiĉoj ĝi vivis en la koroj de la popolo kaj same, kiel la popolo kantis kaj daŭre kreis siajn kantojn, ĝi ankaŭ skulptis diversajn scenojn el sia malfacila vivo eltranĉante per primitivaj instrumentoj, per ordinara poŝtranĉileto el ligno siajn sanktajn patronojn. Ĝi plibeligadis siajn primitivajn artaĵojn per geometriaj, floraj kaj aliaj ornamaĵoj. La slovakaj puntoj kaj brodaĵoj popolaj estas jam same konataj kiel la popolkantoj. Aliaj popolartaĵoj, troviĝantaj en muzeoj montras, ke nia popolo ŝatas la belecon en ĉiuspeca arto.

La alta arto, en same malfavoraj cirkonstancoj kiel tiu de la popolo, eĉ se ne evoluis rapide, ĝi tamen vivis.

El la XIV—XV-a jarcentoj en Slovakujo konserviĝis belaj memorigaĵoj en formo de konstruaĵoj kaj skulptaĵoj.

Tiutempe la artistoj laboradis anonime kaj tial multaj artistoj restis por ni nekonataj. Ni konas ilin nur laŭ ilia baptonomo. Ĉar la slovaka teritorio, kiel supre ni jam diris, estis dum longaj jarcentoj sub fremda regado, la fremdulaj regnestroj kaj nobeloj invitadis artistojn el fremdaj landoj por artlaboraĵoj kaj konstruaĵoj, kiujn ili entreprenadis. La invititaj artistoj estis plejparte Italoj, Francoj, Germanoj eĉ kelkaj Poloj. Ili ĉiuj postlasis en Slovakujo artaĵojn en gotikaj katedraloj, en pre-

ĝejoj konstruitaj laŭ stiloj romana, bizanca kaj poste eĉ renesanca. Multaj altvaloraj verkoj, savitaj en katedraloj, nobelaj kasteloj kaj de privataj kolektantoj, montras samajn signojn, sed ili ankaŭ atestas, ke tiu ĉi arto estis importita Slovakujon de fremdaj artistoj. Tre multaj altvaloraj verkoj forperdiĝis aŭ estis detruitaj en grandaj kaj sovaĝaj militoj, trairintaj Slovakujon, kiuj kaŭzis nekompenseblajn materiajn malutilojn al la slovaka loĝantaro kaj ĝia arto.

Inter la fremdaj artistoj slovakujaj laboris ankaŭ hejmaj, slovakaj metiistoj, kiuj, helpante al fremdaj artistoj kaj lernante de ili, multe profitis por siaj metioj. El tiuj ĉi metiistaj familioj elkreskis poste hejmaj artistoj. Tiujn ĉi artistojn ni konas nur laŭ iliaj baptonomoj, ĉar, kiel dirite, en tiuj tempoj la artistoj estis anonimaj.

(Daŭrigota )

---

# Esperanto, la lingvo de la tutmonda laboristaro

*La eldiro de k-do V. I. Lenin pri Esperanto.*

Aperigita en la 10—11a numero de E. S. pasintjara, ĝi vekis grandan intereson ne nur inter la hejma, sed eĉ inter la eksterlanda samideanaro kaj multaj demandas nin, ĉu ĝi estas aŭtentika kaj de kie ni ĝin citis. Nia respondo: Profesoro Miloš Lukáš, la fame konata ĉeĥa esperantista poeto kaj nuntempe oficisto de Ministerio por informoj kaj Klerigo en Praha, aperigis en Gazetara Servo, eldonita en Hradec Králové kaj antaŭ nelonge al ni persone konfirmis jenon: „Dezirante ekscii kiel Sovetunio prijuĝas nian movadon, mi intervjuis en 1920 d-ron Hillerson, la tiaman ĉefon de la Soveta Misio en Praha. Ĉi-okaze mi praktike uzis Esperanton; tradukis s-ano Simon Eliovič el Ĥarkov. D-ro Hillerson akceptis nin tre kompleze. — Mi estas tre feliĉa — li diris interalie — ke mi povas doni al vi informojn pli favorajn ol vi atendas. Mi estas fiera pri tio, ke mi estas intima amiko de kamarado Lenin, kun kiu mi plifoje pridiskutis la problemon de la lingvo internacia. Vladimír Iljiĉ persone taksas Esperanton, li nomas ĝin latino de la proletaro kaj esperas, ke ĝi per sia ideala facileco efike plirapidigos la interkompreniĝon de la tutmonda laboristaro.“ *Redakcio de E. S.*

# Se mi scius...

*Slovaka popolkanto*

*Andante assai.*

Se mi sci - us, ki - e fal - ĉas ka - ro
mi - a, mi al - por tus ro - son
por fal - ĉi - lo li - a.

2. Falĉu nur rapide via per falĉilo,
ĝis kurbiĝos forte la falĉiltenilo

Tradukis *J. V. Dolinský.*

# VIII-a kongreso de EAĈSR

*La VIII-a kongreso de Esperanto-Asocio en ĈSR okazos en Brno dum Pentekosto, la 27—29-an de majo. Programo de la traktado: Lego de protokolo, raportoj pri la agado kaj pri la kaso, de la kontrola komisiono, reranĝo de la rilato inter EAĈSR en Praha kaj Slovaka Esperanto Societo en Bratislava, elekto, liberaj proponoj. Sabate okazos interkonatiĝa amuza programvespero kun danco, dimanĉe Esperantaj diservoj katolika kaj ĉeĥoslovak-eklezia, solena malferno, laborkunsidoj kaj fine granda artvespero en la Stadiono. Lunde ferma kunsido kaj ekskursoj al la ĉirkaŭaĵo: valbaraĵo apud Brno kun motorboatado (prezo Kčs 50.—), stalaktitaj grotoj de Moravia Karsto kun vizito de la abismo Macoĥa kaj fabela boatveturado sur la subtera iluminita rivereto Punkva (prezo Kčs 100.—).*

*La Slovaka Esperanto-Societo en Bratislava decidis okazigi en Brno, samtempe kun la kongreso, sian V-an ĝeneralan kunvenon.*

*Kongreskotizo Kčs 50.—, hotellito por unu nokto Kčs 70—120, en komuna tranoktejo Kčs 20.—. Aliĝu ju pli baldaŭ, pagante samtempe.*

*Adreso: Jozefo Friedrich, BRNO, Hoblíkova 8. Pagojn asignu al poŝtŝparkasa konto „M-101.403, Klub esperantistů, Brno.“*

# „Kultúrny prehľad" v esperante

Na povereníctve informácií a osvety bol Dr. Garaj poverený vytvoriť a redigovať bulletin o kultúrnom živote na Slovensku. Takto vznikol mesačník „Kultúrny prehľad", ktorý podáva obraz o slovenskom kultúrnom živote našej ľudovodemokratickej krajiny vo všetkých oblastiach: v divadle, literatúre, hudbe, výtvarnom umení, filme, osvete a vede vôbec,

Postupne „Kultúrny prehľad" začal vychodiť v ruštine, poľštine, angličtine, francúzštine, rumunčine a maďarčine. Každé jazykové vydanie má obsah podľa svojho jazykového a územného určenia, čím Kultúrny prehľad plní svoje mimoriadne význačné poslanie. A pripravujú sa vydania aj v ďalších jazykových reláciách. Štáty, do ktorých sa neposiela, by sa daly spočítať na prstoch. Aj vznik „Kultura revuo" je zaujímavý.

Raz vo februári minulého roku náš starý známy Dr. Ľudovít Izák navštívil Dr. Garaja. A pri tejto príležitosti sa Dr. Garaj opýtal svojho priateľa, čo by povedal, keby „Kultúrny prehľad" vychodil osobitne aj po esperantsky...

Ani to tak dlho netrvalo a dnes už esperantská relácia zaznamenáva veľké úspechy. Denne prichodia objednávky aj z najodľahlejších krajín sveta, od ľudí, ktorí doteraz nikdy nepočuli slova o slovenskej kultúre. Mnohí, ktorí ešte „nedôverujú" praktickej upotrebiteľnosti esperanta, môžu sa presvedčiť o osvedčenosti tejto reči, ktorá dnes už má toľko stúpencov vo všetkých krajinách sveta.

„Kultúrny prehľad" sa dostáva do všetkých kútov na zemeguli. Táto publikácia Povereníctva informácií a osvety vyvolala záplavu listov. Denne dochádzajú desiatky listov a nových objednávok zo všetkých ľudových demokracií, zo všetkých svetadielov, z Indonézie, Japonska, Austrálie, Afriky, Brazílie, Kalifornie, zo všetkých európskych krajín. Smelo možno povedať. esperantom sme zo Slovenska objali celú zemeguľu. Temer niet krajiny na svete, kde by nečítali o slovenskej kultúre.

Hl. odb. radca Dr. Garaj ako jediný redaktor a jediný obstarávateľ obsahu „Kultúrneho prehľadu", hoci sám nie je esperantistom, v najkratšom čase zvládol všetky otázky slovenského esperantského hnutia. A hneď vystúpil s hotovou osnovou, ako v miere čo najbohatšej zužitkovať slovenské esperantské hnutie v prospech informatívnej činnosti v celom zahraničí Stará sa, ako z nášho časopisu Esperantisto slovaka urobiť orgán hospodársky zaistený, ako ho oživiť novým obsahom a poslaním; hneď zase poukazuje na nedostatky odborne-jazykové a už aj podáva osnovu a rozdeľuje prácu pre nový slovník slovensko-esperantský. Sám dá esperantskému slovníku k dispozícii celý svoj slovníkový materiál (vyše 80 tisíc výpiskov-slov).

Dr. Garaj je jeden z tých neesperantistov, ktorí pochopili, že Esperanto je nie hračka pre filatelistov a sberateľov pohľadníc, ale vážna vec. My slovenski esperantisti ho srdečne zdravíme: Eltenu! Ni venkos! R.

---

ESPERANTO —JAZYK MIERU A POKROKU!

---

# Parolas SEI

*Honoraj instruistoj de SEI.*

La estraro de Slovaka Esperanto instituto nomis honoraj instruistoj ges-anojn:

Francisko kaj Milda Jakubec en Brno-Židenice (Moravio),

D-ro Edwin *Sahliger* en Svit (Slovakio, regiono Altaj Tatroj),

Karlo *Šolc* en Mladá Boleslav (Ĉeĥio). Ili estas rajtigitaj instrui Esperanton en la tuta Slovakio, en kunlaboro kun la lokaj grupoj aŭ perantoj de Slovaka Esperanto-Societo kaj en kontakto kun SEI, al kiu ili devas sendi finraporton pri la okazinta kurso.

S-anino M. Jakubcová gvidis nun kurson en Púchov (entreprena lernejo de Makyta) kun 28 partoprenantoj, d-ro Sahliger aranĝas pluajn kursojn en Kežmarok kaj Levoča. S-ano Karlo Šolc ĵus estis dungita de Slovaka Esperanto-Instituto kiel profesia instruisto kaj eklaboros en Martin, Žilina, Ružomberok.

La estraro de SEI petas ĉiujn niajn pionirojn ebligi ĉiamaniere la funkciadon de niaj honoraj instruistoj. Petoj por elsendo de honora instruisto estu direktataj al SEI en Turč. Sv. Martin. Prizorgi lernejon, loĝigadon, manĝigadon kaj fari propagandon estas devo de la loka samideanaro.

*

ABONO nomiĝas Esperante ANTAŬPAGO, ĉar ĝi devas esti pagata antaŭe. Ni petas vin, pagu vian abonon senprokraste kaj ne lasu vin admoni, ĉar tio postulas multe da laboro, kiun ni povas utiligi pli bone.

ĈIUJN PAGOJN al SEI kaj SES (abonon, membrokotizon, pagon por mendoj ktp.) sendu nur per poŝtpagilo S-9615, Slov. esperantský ústav, T. Sv. Martin. Se vi ne havas nian pagilon, aĉetu bianko-pagilon kaj alplenigu en ĝi la numeron kaj la nomon de la kontoposedanto.

Se eble, ne sendu monon per poŝtmandato, preferu pagilon. Neniam sendu monon en letero, ĉar se letero, enhavanta monon, perdiĝas, vi ne rajtas plendi!

S-ano J. LAMAČKA en Trenčín petas, ke oni ne sendu al li pagojn, kiuj apartenas al SEI aŭ SES, ĉar farante tion, vi kaŭzas al li kaj ni kroman laboron, komplikas la aferon kaj riskas miskomprenon.

PAGANTE — ĉu per poŝtmandato — ĉiam nepre indiku dorsflanke de la pagilo por kio vi pagas. Tiun ĉi koncizan indikon faru ankaŭ tiam, se vi sendas apartan leteron, ĉar la pag-ateston kaj vian leteron ni ne ricevas samtempe.

SE IU NE DEZIRAS plu ricevadi ES, li afable sciigu tion al ni. Simpla nepago de la abono ne povas esti komprenata kiel malabono.

KIUJ ŜULDAS la abonon por la pasinta jaro, tiu afable sendu ĝin al ni. Ni estos ege dankemaj por ĉiu tiaspeca surprizo. Antaŭdankon!

ĈIUN ADRESŜANĜON bonvolu sciigi al ni ĝustatempe. Ĝi povas okazi ankaŭ kiam vi pagas la abonon, sed afable notu dorsflanke de la pagilo: nova adreso!

## NI RECENZAS

LERNEJA REFORMO EN ĈEĤOSLOVAKIO. 2-a vol. de biblioteko, kiun eldonadas Instituto de Esperanto-Servo en Praha. Tradukis Jar. Mařík en kunlaboro de D-ro T. Pumpr. Kontrolis A. Malík, prezidanto de la Instituto. Presis Orbis, Praha.

La malgrandformata plaĉa 60-paĝa broŝureto prezentas al la monda samideanaro la leĝon el 21-a aprilo 1948 pri fundamenta organizo de unueca lernejsistemo, kune kun la diskurso kiun havis en la ĉeĥoslovaka parlamento okaze de akcepto de la lerneja leĝo Prof. D-ro Zdeněk Nejedlý, Ministro de Instruado, Sciencoj kaj Artoj. Krome troviĝas ĉi tie komentario de Jaroslav Paur ne nur pri la leĝo mem, sed ankaŭ pri ĝia aŭtoro. La lasta ĉapitro enhavas mallongajn klarigojn pri eminentaj ĉeĥaj pedagogoj. —

Ankaŭ ĉi tiu dua volumeto (enhavanta la portreton de Ministro Nejedlý) estas senerare tradukita kaj presita, do ni povas ĝin nur rekomendi kiel necesan helpilon por ĉiuj eksterlandaj interesuloj, kiuj povas ĝin ricevi senpage de *Instituto de Esperanto-Servo*, Praha-II., Malá Štěpánská 7, ČSR. Niaflanke estu nur menciite, ke la tradukintoj denove uzas „komisaro“ anstataŭ la oficiala titolo „komisiito“.

*

*La konsumkooperado kaj la ekonomia vivo de Svedujo.* Sub tiu ĉi titolo eldonis la sveda Koopera Federacio 20-paĝan ilustritan belaspektan broŝuron de *Th. Odhe,* direktoro de la Internacia Koopera Alianco. Esperantigis ĝin Stellan *Engholm,* la fama Esperanto-verkisto, kiu estas garantio pri bona traduko kaj stilo.

El la verko ni citas: „Nuntempe la konsumkooperado estas tre disvastigita en ĉiuj skandinavaj landoj inkluzive Islandon kaj estas forta demokrata elemento en la produktaktivo de tiuj landoj. La origina celo de la kooperaj societoj estis ebligi al la membroj aĉeti avantaĝe kaj en la sveda kooperado oni ankaŭ nun unualoke dediĉas sin al la detalkomerco. Per koncentriĝo sur industria produktado la movado ekludis treege gravan rolon en la sveda produktadvivo kaj iom post iom trovis atenton ankaŭ en eksterlandaj ekonomiaj rondoj. Tiel estas precipe pri la agoj de la movado en la lukto kontraŭ monopoloj, trustoj kaj karteloj, per kiuj oni celas malhelpi al tiuj malbonuzi sian potencon ekz. rilate al prezfiksado“.

Post mallonga resumo pri la historia evoluo kaj la labormetodoj de la sveda konsumkooperado sekvas priskribo de la multflanka kaj diverspeca tutlanda entreprenado, ilustrata per 14 fotografaĵoj. Vi ricevos ĝin senpage; mendu ĉe *Kooperativa Federacio,* STOCKHOLM 15, Svedujo.

*

NOVA BILDPROSPEKTO DE TRENČÍN. Slovakotour en Trenčín eldonis novan profundpresan faldprospekton pri urbo Trenčín kun esperantlingva alparolo. Ricevebla senpage ĉe la eldonisto.

*

*Ilustrita faldprospekto pri Bulgario.* „Kvankam malgranda laŭ sia surfaco — apenaŭ 110.000 da kv. km., tamen dank al bonaj klimataj kondiĉoj kaj sia varia pitoreska tera aspekto, Bulgario prezentas interesan objekton por vojaĝo kaj turismo, precipe nun post sia

dua liberiĝo de la faŝismo, kiu estis efektivigita kun la frata helpo de la venkinta Soveta Armeo. Plenumante la kvinjaran ekonomian ŝtatplanon, la ŝtato faras ĉion pro plibonigi kaj perfektigi la rimedojn de la somerumado kaj loĝado en Bulgario: plibeligo de somerrestadejoj, konstruado de komfortaj unuaklasaj hoteloj kaj multaj aliaj iniciatoj, kiuj kontentigas la somerumantajn laboristojn kaj la eksterlandajn gastojn, venintajn por gustumi la belaĵojn, kiujn prezentas al ili Bulgario.“

Tiuj estas la enkondukaj vortoj de belega ilustrita 16-paĝa faldprospekto de „Balkanturist“, ŝtata entrepreno por vojaĝo kaj turismo. La faldprospekto ampleksas bildojn kaj klarigojn pri jenaj temoj: Bulgario el turisma vidpunkto. La maraj kuraclokoj. La bulgaraj montoj. Mineralaj fontoj. Pitoreskaj lokoj. La bulgaraj fruktoj. Ĝeneralaj informoj. — Senpage ricevebla ĉe *Kooperativa presejo „Esperanto“*, SOFIA, str. Tri uŝi 15, Bulgarujo.

*

NIA FLAMETO estas plaĉe multobligita, hispane kaj Esperante redaktata 8-paĝa revueto de la Rosaria Esperanto-Klubo (Brazilo). Ĝi „intencas plenumi sian taskon informante mallonge sed konkrete pri aferoj de nia movado en la tuta mondo“. Ni salutas sincere la novan kunbatalanton kaj deziras al ĝi longan kaj prosperan vivon!

*

*Der Naturfreund*, trimonata reprezenta revuo, organo de svisaj laboristaj naturamikoj, aperigas regulan Esperanto-rubrikon, sub gvido de *Walter Kobelt*. Kvankam enmaniĝis al ni nur tri numeroj, tamen ni povas prijuĝi kaj laŭdi la oferemon de la gvidanto — ligata je duonpaĝo ĝis unu pago — kaj raportanta telegrafstile pri multegaj okazintaĵoj de la monda movado. Evidentiĝas ankaŭ liaj malhelpaĵoj, ĉar mankas ekz. la supersignitaj literoj kaj la supersignoj devas esti aldone desegnataj. En la jarkolekto 1949 troviĝas 24 leciona kurso por komencantoj, ebliganta korespondadon kaj praktikan aplikadon de Esperanto, okaze de ekskursoj tra teritorioj fremdlingvaj.

*

ESPERANTAJ GLUMARKOJ KAJ ILIA AŬTORO. Jarka Dittrich (en Lanŝkroun), malnova eldonanto de etaj esperantaĵoj, komencis fosi sian sulkon en la movado jam antaŭ 30 jaroj. La senco de liaj eldonaĵoj estas batalo kontraŭ kalumnio. Koncizaj tekstoj sur la glumarkoj atentigas pri grandaj ideoj kaj verkoj. Novaj kvardek tekstoj estas slovaklingvaj, pluaj estas ĉeĥaj kaj esperantlingvaj, entute 140 diversaj (ĉiu alia) estas riceveblaj po Kčs 9.—, la 50 nur Esperantaj po 1 rkp (Kčs 4.—). Kvin tre trafaj motivoj poresperantaj sur poŝtkartoj kaj kovertoj estas indaj, ke ĉiu vera samideano havigu ilin al si. Prezo 45—55 hel. po peco. Kompleta gramatiko sur poŝtkarto (ĉeĥlingva) Kčs 1.80.

*

ĈIUN INSTRUHORON KOMENCU KAJ FINU PER ESPERANTA KANTO! Profesoroj J. kaj K. Filip tradukis 81 plej konatajn ĉeĥajn kaj slovakajn kantojn kolektinte ilin en bele desegnita kantareto kun notoj. Jen plej taŭga donaco ankaŭ por viaj eksterlandaj amikoj. Prezo Kčs 45.— krom afranko. Mendebla ĉe Jarka Dittrich, LANŜKROUN, ĈSR aŭ ĉe la eldonanto Frant. Buhr, PRAHA-Břevnov, Bělohorská 514.

J. Deltomega: JAZYK SVĚTA. Úvahy o mezinárodním jazyku latinském, II. vydání 1948. J. Čížek v Pardubicích. Pĝ. 64, prezo neindikita.

Jen ripeta *propono pri morta lingvo latina kiel lingvo universala,* kiun ĝia proponanto apenaŭ alkondukos al venko, ne nur ke ĉi-speca propono estas fakta *retropaŝo* en nia progresama tempo, sed ankaŭ pro *nekonvinkaj* argumentoj por la lingvo mem. Ni okupiĝas pri ĝi nur por montri, ke iam oni povas propagandi *la lingvon Esperanto* eĉ „interlinie"!

El ses ĉapitroj la antaŭlasta (amplekse nur dupaĝa) pritraktas la lingvojn artefaritajn. S-ro Deltomega (kaŝnomo) el multego da lingvaj projektoj (krom Volapük, Esperanto kaj Ido) laŭnome konas nur kvaron da morte naskitaj projektoj, nome Kosmos, Antivolapük, Orba (?), kaj Apolema. Sur la du paĝoj unualoke li raportas pri Volapük, ĝiaj kongresoj kaj rapida malprogreso pro Esperanto (?), kiu tamen, komprenu Esperanto, malgraŭ ĉiuj siaj avantaĝoj altiris nur et etan parton de la homaro. Parenteze li diras: „En jaro 1939 havis la „Tutmonda Societo de Esperantistoj" (komprenu: IEL) sole 12.300 membrojn. Tio estas tre malgranda nombro konsiderinte, ke en la mondo estas ĉirkaŭ du miliardoj da homoj kaj eĉ tiun ĉi malgrandan nombron da membroj la esperantistoj atingis post 50-jara evoluo de la lingvo." Ege misan ideon pri la nombro de esperantistoj havas la aŭtoro, se la supran nombron de internacie organizitaj esperantistoj li opinias nombro de ĉiuj esperantistoj en la mondo!

Argumentante kontraŭ Esperanto, li ateste vokas nur la kritikintojn de Esp-o, kiuj „kritikis multajn malperfektajojn de Esperanto, ekzemple la malfacilan prononceblon, ĉar ĉiu fleksebla vorto finiĝas per vokalo. Plie la multenombro de la substantivoj kaj adjektivoj deriviĝas per malfacile elparoleblaj finaĵoj „-aj" kaj „-oj". Krome Esperanto havas ankoraŭ aliajn mankojn", sed pri ĉi tiuj s-ro Deltomega silentas.

En la lasta ĉapitro la aŭtoro faras riproĉon al D-ro Zamenhof, kiu antaŭ pli ol sesdek jaroj estis forgesinta, ke Eŭropo jam de du jarmiloj havas taŭgan internacian lingvon — la latinan. La aŭtoro malkaŝe rekonas, ke *„la latino estas pli malfacila ol Esperanto,* ĉar ja Esperanto *estis intence kreita tia, ke ĝi estu el inter ĉiuj lingvoj (vivaj kaj malvivaj) la plej facila".* Pro tiu ĉi publika rekono ni sincere dankas s-ron Deltomega, kiu certe estas homo justa. La instruplano pri la latino kiel lingvo universala, kiu okupas la lastajn liniojn, almenaŭ nin ne interesas.

Jen mi prezentis al vi simpatian broŝuron, kiu neniun artefaritan lingvon atakas konkurence, eĉ male: *lia aŭtoro-*rekonante unu el la plej gravaj ecoj de Esperanto kiel lingvo internacia: ĝian facilecon — *senintence reklamas kaj propagandas nian lingvon!* Ĉu ne okulfrapa promeso, ke ni fine venkos?...

*Ján Vado.*

*

*Aŭstria Esperanto-Kongreso 1949.* Ilustrita, tre plaĉa broŝureto 16 paĝa kun kongresa programo, salutvortoj de oficialaj kaj esperantistaj funkciuloj, priskriboj kaj fotografaĵoj el la kongresurbo Graz. Bona propagandilo, modele aranĝita kaj presita. Ricevebla kontraŭ 1 respondkupono aŭ interŝanĝe kontraŭ esperantaĵoj, ĉe *Stiria Esperanto-Centro,* GRAZ, Sackstrasse 16/1, Aŭstrujo.

# Al la legantoj

Pli bona papero de la unua duobla kajero de ES ĉi-jara eble inspiris al iu leganto, ke la financa situacio de ES tiel pliboniĝis, ke ni povas permesi al ni tiun lukson. Por klarigi la situacion, ni direktas al la legantaro jenajn vortojn.

Jam pasintjare, post kiam estis fiksita la abonprezo por ES, estis en ĈSR enkondukita tielnomata „ĝenerala imposto", kiu koncernas ankaŭ ĉiujn preslaborojn. Tiu ĉi imposto plialtigis eldonkoston de ES je proksimume 18%, kaj sekve la jam ekzistanta deficito plialtiĝis ankoraŭ pli senteble. Tamen ni ne postulis pli altan abonon, ĉar ni esperis kovri la deficiton per eksterordinaraj enspezoj (subvencioj, donacoj ktp.). Bedaŭrinde, tiuj ĉi esperoj realiĝis nur malgrandparte kaj la jarbilanco montris konsiderindan mankon.

La ĝenerala imposto devas esti pagata ankaŭ ĉi-jare. Do kvankam la eldonado de ES postulas ĉiam pli grandajn oferojn, tamen — por servi al la legantaro — ni eĉ plibonigis la kvaliton de la papero de la nuna jarkolekto; tiel la preso, sed precipe la bildoj fariĝas ankoraŭ pli klaraj. Kompreneble, tio denove plialtigas la eldonkostojn, kiuj sume estas je pli ol 25% pli altaj ol en 1948. En jenaj kondiĉoj plialtigo de la abono estus plene rajtigita, *ni tamen lasis la abonon ankaŭ por la jaro 1950 neŝanĝita — Kčs 70.—*.

Estas evidente, karaj legantoj, ke ni faras por vi ĉion eblan, kaj ni faras tion en firma kredo ke vi valortaksos tiujn ĉi niajn klopodojn kaj ke vi viaflanke faros vian eblon por helpi al ni.

Komprenu nin bone: ni volas fari bonan kaj belan revuon por laŭeble plej multaj homoj — tial ĝi estas tiel malmultekosta. *Ni ne postulas de vi donacojn. Ne! Ni petas vin nur pri kunlaboro* ĉe verbado. Por povi vivi en la nunaj malfacilaj cirkonstancoj, por povi vivi sane kaj sekure, *Esperantisto Slovaka bezonas novajn 600 abonantojn.* Helpu al ni varbi ilin, ĉar nur tiam ni povos garantii al vi, ke aperos 12 numeroj dum 1950.

En ĈSR estas ankoraŭ miloj da gesamideanoj, kiuj ne konas nian revuon. Vi konas multajn el ili, estu do tiel afablaj kaj rekomendu al ili ES, *rekomendu ĝin al ĉiuj viaj konatuloj. Abonu ES al viaj eksterlandaj amikoj.* Nuntempe, kiam ne estas eble sendi eksterlanden librojn, ES estas la sola taŭga esperantaĵo pri nia lando. Rekompence por ĝi vi povos ricevi de viaj amikoj alilandajn esperantaĵojn. *Red.*

## EL ESPERANTUJO

SOMERA ESPERANTO-KOLEGIO EN DOKSY (ĉe lago de Mácha en Ĉeĥio) okazos la 16—30-an de julio.

TATRA SOMERA ESPERANTO-KOLEGIO (filialo de Doksy) okazos la 5—19-an de aŭgusto en Svit, Altaj Tatroj, sub protekto de Loka Kleriga Konsilantaro.

EL LA SUBTATRA REGIONO. Antaŭ nelonge nia Esperanta Rondeto en Svit aranĝis Esperantan labortagon kun publika kunveno kaj Esperanta programvespero. Tiun ĉi programon poste ni prezentis ankaŭ en Kežmarok kaj Poprad okaze de la fondo de iliaj Esperantistaj Rondetoj.

Ekde la 15-a de novembro estis aranĝita en Lipt. Hrádok Esperanto ekspozicio kun granda kvanto da esperantaĵoj. La 4-an de decembro estis aranĝita tiu ĉi ekzpozicio en Spišská Belá, kie estas granda intereso pri Esperanto. Pluaj lokoj aranĝontaj la ekspozicion estas Podolínec, Levoča, Sp. Nová Ves ktp. En la kadro de kulturaj brigadoj en ĉiu urbo la anoj de nia klubo faros samtempe priesperantajn prelegojn.

La 16-an de novembro decidis nia anaro *fondi Esperantan Rondeton* ĉe ČSM. La unua paŝo al la efektivigo de tiu ĉi ideo estis farita la 20 an de nov., kiam nia ano s-ro Novák prelegis al proksimume 600 anoj de ČSM. Grandega intereso estis klara pruvo ke tio ĉi estas ĝusta vojo al nia junularo. La rezulto de tiuj ĉi niaj propagandaj klopodoj estis la unua fonda kunveno kun ĉeesto de ĉirkaŭ 70 junaj membroj tuj aliĝintaj al niaj vicoj. Ilia nombro konstante kreskas.

### ESPERANTISTA TAGO EN SVIT.

La 26-an de februaro okazis en Tatrasvit esperantista tago, kiu estas limŝtono en la evoluo de nia movado. Enkondukis ĝin ekzameno pri lingvoscio sub gvido de Pavlo Rosa, prezidanto de Slovaka Esperanto-Societo el Bratislava. Dudek gesamideanoj, zorge preparitaj de Karlo Šolc kaj D-ro Sahliger, submetiĝis sukcese al la pruvo de esperantista taŭgeco. Krome estis fikse priparolita la Tatra Somero Esperantolernejo, filialo de Somera Esperanto-Kolegio en Doksy, okazonta en Tatrasvit komence de aŭgusto. S-ano Šolc, fondito de Verda Doksy, estis dungita kiel instruisto de Slovaka Esperanto-Instituto en Turč. Sv. Martin, reprezentita pere de sekretario D-ro Izák. Ĉeestis ankaŭ s-ano Imrich Zalupský, redaktoro de „Práca“ en Košice, nia profesia kaj verda ĵurnalisto, kiu transprenis la taskon regule raportadi en sia organo pri nia orientslovaka movado, krome kontribuadi al „Esperantisto Slovaka“.

Posttagmeze okazis laborkunsido de subtatraj perantoj kaj D-ro Sahliger, elektita regiona peranto raportis pri la ĝisnuna agado kaj pluaj planoj. Li eklaboris en Tatrasvit la 1. XI. 1946 kaj la publiko rigardis lin kiel „verda frenezulo“. Tamen paŝon post paŝo li sukcesis pere de kursoj, artikoloj en la entreprena bulteno kaj disaŭdigo, kvar ekspozicioj ktp. Liaj gelernantoj fariĝis regulaj vizitantoj de Esperantaj kongresoj, Ili helpis al li okazigi propagandprelegojn kaj provlecionojn en najbaraj urbetoj, kies rezulto estis serio da kursoj por lernantoj, laborantoj kaj eĉ instruistoj. Grave helpis s-ano Šolc, kiun li sukcesis akiri dank' al komprenemo de la entreprenaj laboristaj gvidantoj. — Esperanto ebligis efektivigi

sukcesplenan eksterlandan propagadon de Svit kaj Altaj Tatroj kaj veki intereson de la radio-stacio en Košice.

La esperantistan tagon en Tatrasvit kompletigis amuza programvespero kun parolado de Mikuláš Novák, nia verda poŝtestro.

KOŠICE. Loka grupo de Slovaka Esperanto-Societo okazigis la 8-an de februaro sian ĝen. kunvenon, je kiu estis elektita nova estraro: prezidanto D-ro Viliam Fedák, vicprezid. Ferdinand Lelovits, sekretario Frant. Kočiščák, kasistino Helena Kaviaková, protokolisto Jozef Košutek, bibliotekisto Ján Skriňák, revizoroj G. J. Ferko kaj Štefan Lipták, membroj — Viera Farkašovská, Adam Kertész kaj Ján Kopas. — Pri la agado pasintjara ni menciu 2 kursojn por komencantoj, 2 kursfinajn programvesperojn, 25-jaran jubileon de ekzisto de Esperanto-klubo en Košice, masko-balon, partoprenon je la III-a kongreso en Bratislava, Nikolaofesteton kaj pluranj ekskursojn dum somero. Krom tio okazis ĉiumerkrede regulaj kunvenoj kun istruado por perfektigo en nia lingvo. La grupo havas nun 65 membrojn. La kunvenoj okazadas ĉiumerkrede de la 19-a ĝis 20.30 en la prelegejo de la poŝta palaco (Rumanova 8).

ESPERANTO-GRUPO ĈE ASOCIO DE ĈS JUNULARO EN LIPTOVSKÝ HRÁDOK aranĝis Esperantan ekspozicion, la 16—21-an de novembro 1949.

NI ESPERANTISTOJ EL GALANTA, anoj de la Esperanto-Rondeto ĉe gimnazio, sendas al Slovaka Esperanto-Instituto niajn elkorajn salutojn kaj promesas intense lerni Esperanton kaj prepari la disvastigadon de nia lingvo en Galanta. (Sekvas 16 subskriboj).

*El Esperanta interes-rondeto ĉe gimnazio en Kežmarok.* La programo de nia kunveno la 25 an de novembro 1949 de 14—16 estis jena: Malfermo. Tralego de protokolo de la lasta kunveno. Ni kantis la „Fiŝkaptisto“ kaj „Adiaŭ geamikoj“. Ni eklernis la kanton „Sepdek jupojn“. El gramatiko ni ripetis la pronomojn. S anino Vlasta Hadravová deklamis la poemon „Mi scias“ de Julia Jesserviedi. Post mallonga paŭzo s-ano prezidanto parolis pri la Esperanta Ekskurso en Pollandon. La vicprezidantino skribis taskon por la gesamideanoj kaj ni kompilis la programon de la venonta kunveno. *J. Červeň,* sekretario, *M. Kapolková,* protokolistino, *M. Zvara,* prezidanto.

(Ni aperigas ĉi tiun raporton kiel ekzemplon ankaŭ por niaj aliaj interesrondetoj. Red.)

ESPERANTO-KLUBO EN KARLOVY VARY aranĝis la 7-an de januaro sian I-an balon kun programo. K. Höger kaj Z. Procházková, membroj de Nacia Teatro en Praha prezentis scenetojn el komedio de Shakespeare „Kiel plaĉas al vi“, sub gvido de A. Slanina. Kantis s-anino V. Borská, la konata operkantistino el Brno akompanata piane de orgena virtuozo prof. O. Čermák el Karlovy Vary. —aĉo.

VESELÍ NAD MORAVOU. Esperantista Klubo Veselí nad Moravou komencis la 14 an de novembro 3 monatan vesperan kurson de Esperanto en la kadro de la Popola lernejo kleriga, dank' al afableco de s ro Tilich, direktoro de la menciita lernejo.

Loka Kultura Komitato vekigis intereson pri la kurso per disaŭdigo de la Nacia Komitato, kaj la Distrikta Kultura Komitato anoncis la kurson en multaj komunumoj de la distrikto. Nia pro-

pagandŝranketo, montrofenestroj de lokaj vendejoj kaj afiŝo en la stacidomo — ĉio anoncis pri nia kurso. La rezulto estas 56 aliĝintaj personoj en la aĝo inter 12 ĝis 50 jaroj, — inter kiuj estas kelkaj, kiuj devas veturi eĉ pli ol 15 km por ĉeesti la kurson. Por ili afable promesis fervoja oficejo prizorgi vojaĝrabaton dum daŭro de la tuta kurso.

Duan vintran kurson de Esperanto, kiu daŭris 3 monatojn, partoprenis pli ol 40 lernantoj el Veselí kaj ĉirkaŭĵo, inter ili 7 fervojistoj. Nun post la kurso kunvenas la klubanoj ĉiun unuan kaj trian ĵaŭdon de la monato en la 4-a klaso de mezlernejo.

Samideanino Vlasta Koukalová, fotografistino el Uh. Ostroh fotografis la partoprenintojn kaj donacis al la klubo 40 fotografaĵojn por anoj. Sinjorino B. Hynštová el Veselí nad Mor. donacis al la klubo 20 belajn paskovojn kun fame konataj slovakaj motivoj kaj kun esperantlingva surskribo: Ĝojplenan Paskon, verda steleto, esperantista insigno. (La paskovoj ne estas jam ricevеblaj). Esperanto klubo en Veselí nad Moravou kore dankas al ambaŭ samideaninoj.

Al ĉiuj Esperantistaj kluboj ni povas doni konsilon laŭ nia propra sperto: Alfiksu en vigla parto de via urbo unu aŭ du propagandŝranketojn — sed la enhavojn ŝanĝu se ne ĉiusemajne, do nepre almenaŭ dusemajne, kaj tiamaniere vi certe altiros sufiĉe grandan intereson pri nia afero. Ne kaŝu vian laboron, sed montru ĝin al la publiko.

*(P)*

JASOV. Kurso por 25 personoj komenciĝis la 3-an de januaro. Instruas E. Grich laŭ Dolinský-lernolibro. La kurson (entute 52 horojn) aranĝis Loka Kleriga Komisiono.

---

RESPONDO JE ARTIKOLO „NI BRILIGU NIAN STELON!“ Mi dubas, ke troviĝus gesamideanoj, kiuj hontus portadi la stelon esperantistan, ĉar kiu foje decidis aliĝi al la esperantistaro, tiu jam pripensis la belegan idealon de la movado kaj tial portados nian stelon kun granda fiereco. Mi proponas, ke vi sendu tuj al ĉiuj aliĝintoj kun la membrokarto ankaŭ la insignon kaj rememoru ilin, ke portadi la verdan steleton estas ne nur ilia rajto, sed ankaŭ devo.

Š. Baláž, ev. pastro, Hont. Tesáre.

---

MONDA TRIBUNO ĈESIS APERI. S-ano Katzianka informis nin, ke la gazetoj Monda Tribuno (Wien IX., Rossauerlande 27) kaj La Praktiko (DEN HAAG, Riouwstraat 172, Nederlando), kunfandiĝis kaj estonte aperos nur La Praktiko. Do ni ne akceptas plu mendojn por Monda Tribuno.



---



---

## ESPERANTO EN PORTUGALUJO MALPERMESITA!

Interrompante la rilatojn al ni, la portugala ĝisnuna leganto nia, sendis al ni — anstataŭ klarigo de la kialo — la sekvantan sciigon:

P. I. D. Ŝ.

Polico Internacia kaj de la Defendo de la Ŝtato.

OFICIALA SCIIGA AKTO.

Je la dua de Novembro de mil naŭcent kvardek naŭ, en tiu ĉi urbo kaj Direktorio de la Polico Internacia kaj de la Defendo de la Ŝtato, kie sin trovas Lia Moŝto la Inspektoro Sro Abílio Augusto Garção Alcarva, kun mi, Manuel do Nascimento Raposo de Medeiros, Brigadestro servanta kiel aktisto ĉeestis la naciano Jorge Anibal de Saldanha Carreira, edziĝita, banka oficestro, sesdekjaraĝa, filo de Henrique José Lopes Carreira kaj de Elisa Adelaide de Sá e Saldanha Carreira, naskiĝinta en la paroĥo de Sankta Nikolao, distrikto de Lisboa, kaj loĝanta en la Avenida de Grão Vasco, no 33, r/c. de tiu ĉi urbo (Lisboa), por esti oficiale sciigata ke, pro decido de Lia Moŝto la Ministro de la Internaj Aferoj, *de la dekunua de Aŭgusto de mil naŭcent kvardek ok, ne estas permesataj iuj ajn aktivaĵoj aŭ presaĵoj esperantistaj kaj* laŭ la opinio de la Konsilantaro de la Eduka Agado, sankciita de Lia Moŝto la Subsekretario de la Ministerio de la Edukado, de la dudekunua de Oktobro de la sama jaro, *ne estas permesata la instruo de Esperanto en la lando . . .*

Kaj por diskoniĝo oni oficiale skribis tiun ĉi akton, kiu estas subskribota de Lia Moŝto la Inspektoro, de la Sciigato kaj de mi, aktisto, kiu ĝin maŝinskribis.

La Inspektoro (s) Abílio Augusto Garção Alcarva. La Sciigato (s) Jorge Anibal de Saldanha Carreira. La Aktisto (s) Manuel do Nascimento Raposo de Medeiros.

---

En la decembra numero de „Esperanto“, oficiala organo de U. E. A. ni legis, ke PIDŜ traserĉis la hejmojn de la direktoroj de Portugala Esperanto-Ligo kaj konfiskis ties arkivojn, bibliotekon kaj ceteran dokumentaron. La organizo estis oficiale likvidita per la ŝtatpolico, laŭ kies informo estos konfiskataj ĉiuj leteroj, surhavantaj glumarkojn de Esperanto. (Precipe la orient eŭropaj esperantistoj estas petataj ne skribi al la portugalaj, ĉar la ŝtatpolico treege interesiĝas pri la rilatoj inter portugaloj kaj orient-eŭropaj esperantistoj!)

Ni kore dankas pro la averto, ke ne estas permesate trapenetri la feran kurtenon — portugalan! ***Red.***

---

EL ESPERANTO-MOVADO EN POLLANDO. La 1-an de marto komenciĝis en la krakova Esperanto-Asocio la dua ĉi-jara Esperanto-kurso kun 30 partoprenantoj, plejparte laboristoj kaj studantoj. Kursgvidanto estas prof. Mieczysław Sygnarski, entuziasma pioniro de Esperanto, instruanta ĝin ankaŭ en la Jagellona universitato. La kurso daŭros 3 monatojn.

Władysław Dańda (Estonteco)

ESPERANTO EN GERMANA KONCERTEJO.

La munĥena Societo de Virĥoro „Biedersinn“ en la pasintjara novembro solenis 75-jaran datrevenon de sia fondiĝo kaj ĉi-okaze en la Fest-

salono de la Aŭgustana Kelo ĝi havis solenan koncerton.

En la 1-a parto de la solena koncerto krom tri ĥoraĵoj surprograme estis pleje orkestraĵoj de germanaj majstroj. La 2-a parto de la programo konsistis krom germanaj ĥorkantoj ankaŭ el ĥoraĵoj alinaciaj (angla, itala, rusa, sveda kaj du usonaj). La du usonaj kantoj, nome: La negroj ĝojas — komponaĵo de St. C. Foster, en aranĝo de s-ano Paŭlo Bennemann — kaj La Bovoĉar' de C. Hauzeneder estis kantataj en Esperanto.

Jen, Esperanto, la malhonorata kaj persekutata lingvo en Hitlera Germanujo trovis indan lokon apud la germana lingvo kaj certe plaĉe tiklis la aŭdon de la germana aŭskultantaro. Gratulon al la aranĝinto kaj dankon al la ĥorestro kaj la kantistaro!

## PERSONAJ SCIIGOJ

50-AN GEEDZIĜAN JUBILEON solenis la 26-an de dec. 1949 nia ĉiamjuna meritplena s-ano A. D. Kremer kun sia edzino Amália.

Ni gratulas iom malfruiĝinte, sed tamen ne malpli kore kaj sincere — al nia plej maljuna verda paro kaj deziras al ili ĉion plej bonan, antaŭ ĉio bonan sanon. Longe ili vivu!

VIVJUBILEO. La 1-an de marto ĉijara solenis 70-an vivjubileon s-anino Jozefino Marečková (kaŝnomo Puella Classica), bone konata ne nur hejme, sed ankaŭ eksterlande per ŝiaj verkoj, skribitaj slovake, ĉeĥe, hungare, germane kaj eĉ esperantlingve, ĉiam celantaj interhomoran pacon, interkompreniĝon kaj fratecon. Ŝia plej granda verko temas pri Spiritaj fluoj en ĈSR dum 1918—1930, super kiu ŝi senlace laboris multajn jarojn. Ni sincere salutas nian plenmeritan s-aninon, dezirante al ŝi plej bonan ripozon en ŝia nuna loĝado: Starobínec (Maljunulejo) HOLIČ, okres (distrikto) Skalica, Slovakio ĈSR, petante alsendi al ŝi multajn salutojn por ĝojigi ŝin. —MB.

PAVEL ROSA KUN EDZINO sincere dankas al ĉiuj gesamideanoj kiuj honorigis ilin per siaj bondeziroj.

GEEDZIĜO. S-ano *Aurel Magera* edziĝis la 8an de okt. 1949 al s-anino *Šarolta Kavčáková.* Ili ambaŭ estas anoj de nia grupo en Košice. Plej sincerajn bondezirojn!

ESPERANTLINGVA EDZIĜFESTO. Gesamideanoj Herta Ludvíková kaj Teo Novotný el Liberec, Na okruhu 16, festis sian geedziĝon (la 29-an de oktobro 1949) celebritan esperantlingve de s-ano Obruča, paroĥestro de Chrastava.

## ANONCETOJ

Jan Šereda, oficisto, BRNO 15, Nopova 47, ČSR, serĉas gekorespondemulojn eksterlandajn pri amatora fotografo.

S-ano Pierre Blohin, Impasse de l'Epée, LA ROCHE lYon (Vendée), Francio, dez. iŝ. pm kvanto kontraŭ kvanto.

S-anoj: Dimitrij Dinev Zajkov, 21-ja teknikisto, Velu Velčev-Velev, lernanto de VI-a klaso de instruista akademio, Gospodin Tanev Gospodinov, lernanto de VI-a klaso de reala vira gimnazio, Ivan Matev Ivanov, lernanto de VI-a klaso de teknika gimnazio, kaj Dobri Stanilov Dobrev, libera urbano, ĉiuj en selo GORNO BOTEVO, St. Zagorsko, Bulgario, dez. kor.

22 bulgaraj gekursanoj dez. kor. Bon-

volu skribi al s-ano Lalju C. Lalev, BERIEVO, Sevlievsko, Bulgario.

S-ano Kai Nielsen, „Westa" Viaduktvejen, AALBORG, Danio, dez. kor., iŝ. il. pk. kaj pm. kun t. m. Certe resp.

S-ano Jean Réquillard, Croix Moreau, VIERZON (Cher), Francio, dez. por propaganda celo ric. el t. m. il. pk. bele afrankitajn sen koverto. Nepre respondos.

Samideán Jozef Vítek, uč. čs. menšin. školy, 18 rue Bonaparte, PARIS 6e, žiada esperantský propagačný materiál o Slovensku.

S-ano H. Liebelt, (15) JENA Magdelstr. 91, Germanio dez. kor., iŝ. pm. kaj Esperantajn revuojn.

S-ano Anton Schiller, MEININGEN (Thür. 15a) P. O. Box 118, Nemecká demokratická republika, Germanio, petas Esperantan propagand-materialon por ekspozicioj.

S-ano Jan Giuseppe Donadoni, Corso Giovanni Lanza 100, TORINO, Italio, dez. kor. pri muziko, precipe nuntempa.

Tokio Sasaki, Hananobo cho 70, Murasakino Kamikyo-ku, ǨYOTO, Japanio, Azio, bezonas esperantaĵojn kaj adresojn por siaj kursoj.

Marie Frolková, 20-ja. fraŭlino, VESELÍ nad Mor. 5ol ČSR, dez. kor. nur kun eksterlandanoj pri turistiko kaj skoltismo.

s-ino Helena Urbančíková, VESELÍ nad Mor. 49., ČSR dez kor. nur kun eksterlandanoj.

P. F. Satista Esperanto-studejo, 199 Ul-ĝi-Ro 2a strato, SEULO (Soul, Koreujo, Azio, bezonas esperantaĵojn por la E. studejo.

S-ano Ludwik Marks, JELENIA GÓRA, Curie-Skłodowskiej 11-4, Polujo, dez. kor. kun t. m. pri div. temoj. Skribu tuj, resp. garant.

S-ano Jerzy Grunn, 17-ja liceano, JELENIA GÓRA, ul. Warszawska 5., Polujo, dez. kor. kun t. m. pri filmtemoj, iŝ. filmrevuojn kaj filmprogramojn.

30 novaj esperantist(in)oj serĉas diverstemajn gekorespondantojn en t. m. Skribu multnombre al Junulara Esperanto-Grupo ĉe Distrikta Estraro de Z. M. P. (Asocio de Pola Junularo), JELENIA GÓRA, ul. Grabowskiego 3., Polujo.

S-ano Jerzy Filc, 17-ja licea studanto, JELENIA GÓRA, ul. Curie-Skłodowskiej 9, Polujo, dez. kor. tutmonde per let. aŭ il. pk. pri film- kaj teknikaj temoj.

S-ano Jan Węclewski, STRYJE KSIĘŻE, Polujo, kriplulo kun paralizitaj gamboj, petas esperantaĵojn kaj ankaŭ slovaklingvajn publikaĵojn pri la lando, popolo ktp., ĉar li komprenas slovake.

Metaltornisto deziras fakkorespondadon aŭ faklibrojn (rekompencos laŭ via deziro kaj eblecoj) pri laborprocedoj per horizontalaj tornmaŝinoj. Adreso: Dezider Rohonczi, T. Sv. MARTIN, Kuzmány-str. 29, ČSR-Slovakio.

---

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Turč. Sv. Martin), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—, — Účet Pošt, sporit,: S-9615, Slov, esperantský ústav, Turč. Sv, Martin, — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podácí pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: T. S. Martin, ČSR-Slovakio), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkupoñoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: TATRAN (KÚS), T. S. Martin.